## 52 - a ITALA KONGRESO de ESPERANTO

### Roma - "Domus Pacis" de la 19-a ĝis la 24-a de septembro 1981

### Kongreso esence Politika

La 52-a Kongreso de Itala Esperanto-Federacio klare evoluis en la direkton de Europa Federalismo. Kvankam gravaj kaj signifoplenaj informoj kaj kelkaj valoraj proponoj ne mankis, kaj dum la kunsidoj de la Generala Asembleo (kelkmomente eĉ trakurita de emociaj kontrastoj) kaj dum la apartaj kunvenoj de la fakaj sektoroj -tute aparte menciendaj tiuj de ILEI, IEI, IEJ kaj de nia IFEF- ne estas neadeble ke la "leonrolon" ludis la politikaj Federalistoj.
Fakte ili, suronde de la ĝenerala temo de la Kongreso 'Esperanto-Eŭropa', preskaŭ monopoligis la oficialan debaton per siaj programitaj prelegoj, cetere rimarkindaj laŭ la teknika, informa kaj propona vidpunktoj kaj per malkaŝe farita peto pri plena apogo, flanke de la Esperanto-movado, al konstruado de Ŝtato Eŭropo aŭ de Eŭropo del' Nacioj. Insiste kaj preme, eĉ se iom malpli malkaŝite, venis ankaŭ la indiko ke la plej grava -se ne ununura- sekvenda irvojo estas tiu de la senĉesa frapado al la pordoj de la politikistoj, deputitoj, senatanoj, potenculoj. Ŝajne favoran akcepton eĉ renkontis la rekta interveno de la Eŭropa Federalista Partio pere de raporto de oficiala reprezentanto kaj disdonado de propraj propagandaj flugfolioj.
Oni ne povus diri la samon, malgraŭ la malavara aplaŭdo de multaj kongresanoj, pri la voĉo de iu samideano kiu, kvankam ne profesie fervojisto, tamen de tempo aliĝis al nia Federacio.
Tiu voĉo leviĝis dum la Generala Asembleo, pledante por la nedisigebleco de la bataloj por la venko de Esperanto kaj de la Paco, tute aparte en la nunaj momentoj kiam la minaco al la paco refariĝis terure aktuala; kaj dum la 'Eŭropa-Tago', atentigante pri la neceso ne forgesi la fratojn de la regnoj de l' Eosto, en kongreso kies temo estas ja Esperanto-Eŭropo, ne nur Esperanto-okcidenta Eŭropo.
"Evidente -li diris- ankaŭ ni Esperantistoj, kiel ĉiuj okcidentanoj, translokigis el nia menso, per freŭda procedo kaj el nia kulturo tutan parton de nia kontinento, tiun orientan. Sed -li demandis- kia estus nia hodiaŭa Eŭropo sen Kafka, sen Tolstoj, Chopin, Kopernico, Dostojewski, Ciajkoski sen Zamenhof mem?".
Tute mankis, unuvorte, vere kultura flanko en la pritraktado de la ĝenerala temo. Sed politiko kaj kulturo tre malofte akordas inter ili.
La sola vere altnivela prelego, laŭ kultura vidpunkto, estis tiu de Prof-ro Alessandro Bausani, farita en Campidoglio dum la malferma soleno. Tie tre esperige parolis ankaŭ la prezidento de la interparlamenta grupo "Amikoj de Esperanto", senatano Alberto Del Nero, ricevante, komprenable tondrajn aplaŭdojn.
Li estis la sola ĉeestanta el la 99 italaj parlamentanoj.
Unu alia, deputito Ferruccio Pisoni, kune kun la sama sen. Del Nero, estis vizitinta la Kongre-

son dum la Eŭropa-Tago, akirinte, per brila raporto pri siaj personaj spertoj kiel eŭropa parlamentano, sian meritítan kvanton da aplaŭdoj.
Kaj la aliaj 97? - Kelkaj sendis telegramon, kelkaj telefonis al sen. Del Nero; la plej parto eble silentis. Sed sen. Del Nero bonkore, malavare klarigis, senkulpigis: ĝuste tiun tagon la Senato remalfermiĝas; la komisionoj plenritme laboras, ktp.; unuvorte: troa okupiteco. Sincere ni ĉiuj esperis vidi almenaŭ la Urbestron en Campidoglio!
Sed oni flustris ke simple oni forgesis inviti lin. Ĉu vere ?

\+ + +

---

KUNSIDO DE FERVOJISTOJ - IFEA -

La jarkunveno de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio "I.F.E.A." okazis, en la kadro de la Itala Kongreso de Esperanto, lunde la 21-an de septembro en la granda salono de "Domus Pacis".
Kvankam en la kongreso partoprenis multaj fervojistoj, nur dudeko da membroj partoprenis en la aparta kunveno pro la samtempaj kunsidoj de aliaj samasociaj.
Ĉeestis ankaŭ kolego Giovenal el Ljono (Francio) kaj amiko Dominik Bokŝak el Krakow (Pollando).
La sekretario Gimelli skizis mallonge la argumentojn kiuj devos esti traktataj:
- raporto pri la skisemajno en Bohinj kaj IFEF-kongreso en Regensburg.
- prezentado de la venonta skisemajno en Morzine (Francio), kie la disponeblaj lokoj estis jam elĉerpitaj, kaj de la 34-a Esperanto kongreso de IFEF en Balatonfüred ĉe la Balatona lago (Hungario), de la 1-a ĝis la 8a de majo 1982.
- anonco de Esperanta-ekspozicio kun la eventuala renkontiĝo de I.F.E.F.anoj en la kadro de "FERBO - 81". Ĝi okazos en Bologna de la 1-a ĝis la 15-a de novembro organizota de D/L/F.

Oni laŭtlegis la proponon pri la Itala parto de "Historio de IFEF" kiu devas esti sendita urĝe al la Historia Komisiono.
Post mallonga diskuto oni aprobis unuanime la tekston kun kelkaj aldonoj.
Vigla diskuto okazis pri la organizaj-temoj: jarkotizoj de grupoj kiuj jam de jaroj ne pagis; estraranoj kiuj ne donis vivsignon de jaroj, redaktado de la bulteno, pli altigo de la jarkotizo al Lit. 4000, kaj aliaj.

Post duhora amika diskutado oni decidis ke kelkaj estraranoj (D.ro Menabene, Corso k.t.p.) interrilatos ĉu la nepagintajn grupojn ĉu la ne aktivajn Estraranojn por vigligi ilian kunlaboron kaj aktivecon.
Laste Gimelli donis ĉiujn informojn pri la IFEF-Kongreso en Hungario kaj disdonis la tiu-okazajn eldonitajn glumarkojn.

La Asembleo de Itala Esperanto Federacio decidis plialtigi la bazan jarkotizon al Lit.8.000.-

Rimarkinda dum la 52-a Itala Kongreso de Esperanto, estis la distra vespero dum kiu Guido filo de niaj geamikoj Brandenburg el Munster ludis gitaron kune kun la jam konata "duo" Gianfranco kaj Marcella kaj la premiado de la literatura traduka konkurso "Vittorio Dall' Acqua". Nia membro D-ro Tadolini gajnis la 1-an premion en la proza branĉo.

Dum la Eŭropaj Tagoj inter alie intervenis amiko Climelli en la

nomo de "A.E.C." Association Europeenne de Cheminot). Ni publikigos aparte lian paroladon.

En "Campidoglio" en la salono "Protomoteca" prelegis Senatano Alberto Den Nero kaj Prof-ro Alessandro Bausani. En tiu impona "kornico" salutis la kongreson la eksterlandaj reprezentantoj inter kiuj nia kolego Pscheidt kiu menciis sian urbon Regensburg kaj la lastan tiean IFEF-Kongreson.

Sukcesplena estis la surstrata manifestacio antaù la centra sidejo de RAI-T.V. en strato Mazzini, antaù la Itala sidejo de Eŭropa Parlamento kaj de du gravaj taĝĵurnaloj en la centra strato "Tritone". La gravega taĝĵurnalo "Il Messaggero" publikigis artikolon, kun foto, kie videblas la granda standardo kun bone legebla la itallingva slogano "Esperanto - kontraù ĉiuj lingvaj diskriminacioj por forigi la nekomprenemon inter la popoloj".

Tuj post la 52-a Itala Kongreso de Esperanto, la Nacia Televido (1-a reto) disaùdigis duonhoran programon favore al Esperanto sub la gvido de D-ro Renato Corsetti.
Norberto Saletti el Bologna bone prezentis, precipe por la gejunuloj, nian lingvon kaj movadon. Oni interviuis kelkajn gejunulojn partoprenintajn en la Roma Kongreso; inter ili Guido Brandeburg kiu ludis gitaron kune kun Marcella, dume Gianfranco Molle kantis la " Vojo " por konigi al la aùskultantaro la harmonion de nia lingvo.

---

34-a ESPERANTO KONGRESO

DE I.F.E.F.

BALATONFÜRED (Hungario) Majo 1982a

Provizora Programo

| | |
|---|---|
| Sabaton 1.5 | Alveno de kongresanoj<br>Inaùguro de E-eksposicio |
| Dimanĉon 2.5 | Alveno de kongresanoj<br>Akceptoj, Estrar-KUNVENO kun L.K.K.<br>Interkona Vespero |
| Lundon 3.5 | Inaùguro<br>Komitatkunsido (nepublika)<br>Duontagaj ekskursoj |
| Mardon 4.5 | Komitatkunsido (publika)<br>Fakprelego<br>Komisionoj<br>Junulara vespero (kun danco) |
| Merkredon 5.5 | Tuttaga ekskurso<br>Vespero libera |
| Jaùdon 6.5 | Komitatkunsido (2.publika)<br>Komisionoj<br>Lingvaj ekzamenoj<br>Parado de la fervojistaj kulturgrupoj |
| Vendredon 7.5 | Plenkunsido (publika)<br>Duontagaj ekskursoj |
| Sabaton 8.5 | Filmprezentadoj<br>Kongresfermo |

Estas antaùviditaj Postkongresaj tagoj laù apartaj programoj.




LA RELO KUNLIGAS LANDOJN
ESPERANTO LA POPOLOJN

INTERVENTO AL CONGRESSO DI CLIMELLI DIRIGENTE EUROPEO DELL' A.E.C.

I primi contatti fra l'A.E.C. (Associazione Europea dei Ferrovieri) fondata a Torino nel 1961 e gli Esperantisti risalgono ad una decina di anni fa, successivamente lasciati cadere dai Dirigenti A.E.C. che non sentivano ancora l'esigenza di adottare una lingua sovrannazionale che regolasse i rapporti fra i membri. L'Associazione era ancora piccola, non aveva ancora ottenuto i riconoscimenti di oggi ed i componenti il Comitato Esecutivo Europeo, conoscevano sufficientemente il francese e con esso si esprimevano in quelle due ore che poteva durare la riunione per gli scarsi argomenti da trattare.

In questi ultimi anni l'Associazione ha avuto una forte espansione raggiungendo un totale di oltre 8000 unità. I nuovi Dirigenti,che parlano solo la lingua del loro Paese,si sono trovati in difficoltà nelle riunioni sempre più impegnative,con l'impossibilità - per le esigue finanze sociali - di ricorrere a traduzioni simultanee che tutti sappiamo,quanto poco esse diano risultati positivi.

E' evidente che non è più possibile,con tanta varietà di linguaggi e con i molti argomenti da trattare,seguire una chiara trattazione di tutto. La Sezione Italiana ed io direttamente,abbiamo proposto di iniziare corsi di Esperanto nei vari Paesi perchè un giorno,più presto possibile,i membri dell'Associazione possano esprimersi con un solo linguaggio che dovrebbe diventare il linguaggio dell'Europa,la quale non riuscirà mai ad essere integrata fino a che i cittadini di essa non riusciranno a comprendersi fra loro con un idioma che non sia quello di un Paese della Comunità,buono solo,quest'ultimo,a creare malcontenti fra coloro che dovrebbero accettare l'adozione.

L'apertura verso l'Esperanto ha avuto subito una eco favorevole:il Comitato Esecutivo ha appoggiato l'iniziativa e,mentre la Sezione della Germania ha provveduto in grande stile a divulgare l'idea nella cerchia dei suoi aderenti,a Bologna,sotto l'impulso del dott.Bolognesi, consigliere alla Cultura della locale Sezione Compartimentale,che ha già tenuto un corso nel 1980/81 e quest'anno lo ripeterà,con il concorso dell'Assessorato alla Cultura del Comune di Faenza,si sta tentando di organizzarne uno anche là dove contiamo parecchi Soci.

Ho avuto il piacere a Sitges in Spagna,lo scorso maggio,in occasione delle " Giornate Europee dei Ferrovieri " colà svoltosi,di sentire il Presidente di quella Sezione ing.Estevez,esprimersi in Esperanto durante il ricevimento al Municipio di Barcellona e durante la riunione del Comitato Esecutivo ( lo Statuto annovera la lingua Esperanto fra quelle di lavoro ).Il Presidente della Sezione Germanica Dopfer lo ha imitato durante la festa di gala.

A questo punto,per l'Italia,propongo una collaborazione fra i Ferrovieri esperantisti e i Ferrovieri europeisti che sono presenti in tutti i Compartimenti per dedicarsi allo sviluppo di questa iniziativa così utile per il futuro dell'Europa che tutti noi vorremmo vedere unita linguisticamente.-

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)




# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

# ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071

STAMPE